# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

*Lingvoilo* *Google Translate* *Plena Ilustrita Vortaro*

**PLENUMITA 15/06/2017 Tricentdudeksesa eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer** **Provlegita de Vera Payne**




SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povos metu siajn nomon, retadreson, kaj nomon de siaj lando kaj urbo al la ricevanta listo rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **895,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)



**La** Esperanta Retradio **donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine







## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabaton je la 10atm.



Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo
La 17an de Junio estos la 3a Sabato. Venu!

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperanto-klubon kaj raportas al AE pri la klubo.* *Roger Springer*



## "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

**Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.**



**Bona rakonto kaj bona Esperanto**

### Ĉapitro 1 Mia infanaĝo (9a parto)

Biciklis al Tåstrup mia paĉjo. En Tåstrup li prunteprenis krom kapridinon ankaŭ bicikloŝarĝveturileton, per kiu li veturigis la kapridinon hejmen.

Ĉar ni vere ne rajtis havi kapridinon, ni estis ja nun civilizitaj, ni lokis ĝin en la kuirejon. Tio estis parte, ĉar tie estis pli varme, kaj parte por ke la najbaroj ne aŭdu ĝian blekadon. La kaprino bonege fartis en la kuirejo. Ni manĝigis kaj trinkigis ĝin, kaj purigis la plankon post kiam ĝi necesejumis. Apud la kuireja forno ni havis grandan korbon plenan de arboŝeloj, kiujn ni prenis el la segejo dum la vesperoj. Ĉiun matenon tiuj arboŝeloj estis for, ĉar la glutema kaprinido estis manĝinta ilin.

Ni ne povis melki la kaprinidon, ĉar neniu el ni sciis kiel fari tion, kaj krome la kaprino estis nur eta kaprinido, kiu neniam estis graveda, kaj tial ne melkebla. Kiel vi eble jam divenis, la najbaroj aŭdis ĝin, kaj mia patro ree devis bicikli al Tåstrup kun nia amata kaprinideto.

Tiam devis komenci la lernejon mia fratino. Ŝi lernis facile. Ŝi lernis eĉ la anglan lingvon, mi ne scias kiel ! Poste ŝi fariĝis telefonistino, sed unue ŝi laboris iom da tempo en la kotonŝpinejo en Valby. Bonega posteno por inteligenta knabino, ĉu ne ? Ŝi komencis labori kiam 15-jara !

Børge kaj mi ĉiun matenon iris kun granda sako por pluki trifoliojn por niaj kunikloj sur la kampoj de la apuda bieno. Kiam la sako estis plena, venis bicikle paĉjo kaj veturigis ĝin hejmen por ni. La sakon li malplenigis en la novan laŭbon. Iom post iom la laŭbo preskaŭ pleniĝis per trifolio.

Iun matenon, kiam Børge kaj mi plukadis trifolion antaŭ ol iri lernejen, venis viro sur biciklo. Ni iomete timis, ĉar la viro ne estis nia paĉjo. Li estis iu alia, ĉu la diablo mem ? Li lasis la biciklon kaj piediris al ni. Montriĝis, ke li estas la bienposedanto. Li alparolis nin: "Kie vi loĝas?" Tiam li akompanis nin hejmen, kie li parolis kun miaj gepatroj. Li vidis niajn gekokojn kaj kuniklojn ktp., li vidis ankaŭ la enhavon de la laŭbo. "Pro tio vi devas pagi!" li diris severe. "Kiom ?" timeme demandis mia panjo. Post ioma hezitado li diris: "50 øre", tio estas la sama kiel 12 cendoj, do miaj gepatroj spiris pli libere. Sed ekde tiam ni devis esti pli sigardaj, kiam ni plukis manĝaĵon por niaj bestetoj !

Mi ankoraŭ memoras, ke iam mi demandis miajn gepatrojn, ĉu la oraj ringoj, kiujn ili havas sur siaj fingroj, havas iun signifon. "Jes", diris mia panjo, "ili signifas, ke ni estas geedziĝintaj". Kelkajn tagojn poste mi rimarkis, ke estas neniuj ringoj sur iliaj fingroj. "Kio okazis al viaj ringoj?" mi demandis. "Ni vendis ilin, por ke vi havu manĝaĵon!" ili respondis.

*Daŭrigota*

*Bob Felby*



# FLAGOJ DE LA MONDO

Sendis *Esther Parris* Finita

| | |
|---|---|
| Landnomo: Belizio<br>Ĉefurbo: Belmopano<br>Ŝtatestro: Elizabeto la 2-a | Landnomo: Portugalio aŭ Portugalujo<br>Ĉefurbo: Lisbono<br>Ŝtatestro: Marcelo Rebelo de Sousa |
| Landnomo: Bulgarujo<br>Ĉefurbo: Sofio<br>Ŝtatestro: Rumen Radev | Landnomo: Kataro<br>Ĉefurbo: Doho<br>Ŝtatestro: Tamim bin Hamad Al Thani |
| Landnomo: Ebur-Bordo<br>Ĉefurbo: Jamusukro<br>Ŝtatestro: Alassane Ouattara | Landnomo: Kameruno<br>Ĉefurbo: Jaundeo<br>Ŝtatestro: Paul Biya |
| Landnomo: Kartvelio<br>Ĉefurbo: Tbiliso<br>Ŝtatestro: Giorgi Margvelashvili | Landnomo: Kubo<br>Ĉefurbo: Havano<br>Ŝtatestro: Raúl Castro |
| Landnomo: Gambio<br>Ĉefurbo: Banĵulo<br>Ŝtatestro: Adama Barrow | Landnomo: Alĝerio<br>Ĉefurbo: Alĝero<br>Ŝtatestro: Abelaziz Bouteflika |

Dankon. Precipe interesis min la flagoj kaj landnomoj kiujn sendis Esther Parris.
Kompatindaj vi en Manlio; la vetero en Perth estas kvazaŭ printempa!
Sed ni bezonas vian troan pluvon....*Vera Payne* W.A.





# Malgranda vorto, grava laboro.



Lernante Esperanton, oni pli klare vidas la gravan kaj interesan funkcion de la malgravaspekta kaj kutime tre mallonga prepozicio, vortospeco uzata en plej multaj eŭropaj lingvoj kaj en Esperanto. La resto de ĉi tiu artikolo montros tiun gravecon. Multaj homoj kiuj uzas la prepoziciojn kapablas klasifiki kaj identigi kaj priskribi substantivon kaj verbon kaj adjektivon kaj adverbon. sed kion faras prepozicio, krom stari antaŭ substantivo? La intereso estas ke ĝi ne nur situas inter malposta substantivo aŭ verbo aŭ adjektivo aŭ adverbo unuflanke, kaj posta substantivo aliflanke. Ĝi ne simple adicias la du ligatojn, la du elementojn de la trielementa esprimo, sed ĝi igas la unuan elementon agi sur la trian parton, la postan substantivon. Do en “La ĝardeno antaŭ la urbodomo” la ĝardeno faras la agon situi antaŭ io, ĉikaze antaŭ la urbdomo. Tiu ago de situi antaŭ io faratas de la ĝardeno kaj “falas” sur la urbdomon. La sola esprimo “antaŭ la urbodomo” ne kreas bildon, sed la esprimo “La ĝardeno situas antaŭ io” kreas plenan bildon de frazo kun subjekto kaj verbo, kiel en “La infano dormas”. Por vidi kio okazas la parto “antaŭ la urbodomo” estis malpli grava ol la parto “La ĝardeno antaŭ”, ĉar la ĝardeno faras agon de situo antaŭ io.

Sekve la nomo “prepozicio” (= “metita antaŭe”) estas malĝusta, ĉar ĝi ĉiam bezonas “La ĝardeno” antaŭ si, kiel sian subjekton antaŭ la ago situi. Do ĝi metiĝas malantaŭ, kiel “postpozicio”. Konsekvence la nomo devas esti “interpozicio”. Kompreneble Zamenhof ne volis lekcii la lingvistojn de la grek-latin-germana lingvoskolo pri ilia eraro, kaj plu uzis la malĝustan nomon “prepozicio”.

La fakto ke en la esprimo “La ĝardeno antaŭ la urbodomo” la ĝardeno kvazaŭ faras la agon “antaŭ”, aŭ “situi antaŭ”, aŭ “situas antaŭ”, do faranta la agon “antaŭi”, klare montriĝas en Esperanto, kie oni regule ŝanĝas prepozicion al verbo, kion oni en etnaj lingvoj ne kuraĝas fari. Do ni komprenas per Esperanto la verbecan karakteron de la prepozicioj, kaj ke ni povas diri “La ĝardeno antaŭas la urbodomon”. En Esperanto ni teorie povas ŝanĝi ĉiun prepozicion al verbo, sed la Esperantistoj kuraĝas fari tion nur pri kelkaj prepozicioj. Cetere por pluraj el tiuj elprepoziciaj verboj Esperanto jam havas specialajn verbojn, prenitajn el la eŭropaj lingvoj, do ne bezonas la prepoziciajn. Sekve ni renkontas “Nia aŭto malantaŭas ŝarĝaŭtomobilon” kaj “La butiko apudas (nin)” kaj “La atakantoj ĉirkaŭas la urbon” kaj “Kelkaj ne-Esperantistoj kromis (= estis krom, estis ekstraj al) niajn festmanĝantojn”, kaj “La vojaĝo peris (= estis per) aŭtobuson”, kaj “Ŝi anstataŭos (= estos anstataŭ) min kiel prezidanton” kaj “Tiu artikolo superas ĉiujn aliajn” kaj “Tiu decido kunigos (= igos kuni, esti kun) la membrojn”, kaj “Tie la ponto transas (= estas trans) la riveron”. Sed oni ankoraŭ ne renkontas “La ŝipo subas la ponton” nek “La lekcio prias la historion de Grekujo” nek “La tunelo traas la tutan monton” nek “La ceremonio postos (aŭ malpostos) la manĝon” nek “La krimulo ne plu enas sed jam elis kaj nun eksteras la malliberejon” nek “Tiu aŭto deas (= apartenas al, estas de) mian patron”. Unu el la kaŭzoj estas, ke la lingvo fariĝus tro densa, kun tro da mallongaj vortoj.

Uzante aŭ kreante tiajn elprepoziciajn verbojn oni devas tamen zorge obei la regulojn, por ne ruinigi la lingvon. La precipa regulo estas, ke la elemento (substantivo, verbo, adjektivo) antaŭ la prepozicio fariĝas la subjekto kaj la elemento post la prepozicio fariĝas la gramatika (rekta) objekto de la nova verbo. Se ne, oni ne plu scius, kio estas antaŭ la alia, la ĝardeno aŭ la urbdomo. Tion ne komprenis la fama Esperantologo Grossjean-Maupin kiam li kreis la elprepozician verbon “peri” kun kontraŭa signifo. Tion neke komprenis la inventanto de la

prepozicio “far”, kiu signifas en “La poemo far tiu poeto” ke la poemo faris la poeton. Tial necesas, ke kreu novajn gramatikajn vortojn nur Esperantologoj kiuj plene komprenas la strukturon de Esperanto. Ankaŭ por eviti, ke kontraŭuloj ante al Esperanto povus karakterizi nian lingvon kiel stultan.

Do ne uzu “peri” laŭ la Grossjean-Maupin’a signifo, kaj ne uzu prepozicion “far” kiu signifas “faras”. Do NE “La domo far la arĥitekto” sed ”La domo de (aŭ “ate de”) la arĥitekto. En ĉi lasta frazo “de” signifas “apartenanta al” la arĥitekto kaj “ate de” signifas “kreita de la arĥitekto”.

Notu ke oni ne povas fari verbojn nek el la adverba parto nek el la prepozicia parto de prepoziciaĵo, kiel “kadre de”, kaj ke oni povas krei verbon nur el la unua prepozicio de duobla prepoziciaĵo, do jes “La vojaĝo ĝisas post la urbo” sed NE “La vojaĝo ĝis postas la urbon” por “La vojaĝo ĝis post la urbo”. Kaj notu ankaŭ ke “Mi ĝisas vin” signifas ke mi streĉas aŭ iras ĝis vi, ne kion oni kutime deziras ke ĝi signifu (= Mi ĝisumas vin). *Marcel Leereveld*.



# Avram Noam Chomsky ankoraŭ vivas


Noam Chomsky

Kara Roger,

mi dankas la regulan alsendon de via ret-informilo.

Sed permesu, ke mi ne kredas la nun donitan informon.

Laŭ miaj esploroj, la estimata filozofo Avram Noam Chomsky ankoraŭ vivas.

Okazis "nur" iu malbela, malpia ŝerco, kiu dissendiĝis per Twitter.

Kp. mem: en.mediamass.net/people/noam-chomsky/deathhoax.html

Neniu serioza novaĵ-agentejo skribis pri morto de li, almenau mi ne rimarkis tion.

Amike, *Utho Maier* Germanujo



# Komentoj pri artikoloj en 325

Mi bone konscias ke estas bedaŭrinda afero ke la vorto “helikoptero” (laŭ PIV, por mi ofta referenco ) ŝajne enhavas la afikson “er”.

Ĝi ne estas la nura vorto kaj mi memoras ke multe konfuziĝis miaj studentoj de Vjetnamujo, kiuj tuj komprenis la sistemon kaj entuziasme provis ĝin uzi. Mi devas diri ke parto de “helikoptro” estas por mi "helikoptrero “ ne “helokoptero”

Tamen mi ne imagis ke por ĝuste uzi Esperanton necesas koni de kiu fremda lingvo venas la esperanta vorto kaj ke estas reguloj pri kiel ĝi estas “importita” en Esperanton. La plej surpriza ekzemplo por mi estas “tigro”. Ĉu ĝi vere devenas de la angla “*tiger*”? Kial ne de la latina “*tigris*”? Aŭ de la franca aŭ hispana “*tigre*” ? aŭ........

Certe la vorto “helikoptero” ne havas la aŭtoritaton de Zamenhof, sed tamen ĝi estas en la listo de Oficiala Aldono. *Franciska Toubale*



# El Adelajdo

La sepan de Junio 12 homoj kuniĝis en nia klubejo en Box Factory. Ni parolis iom pri la organizaj aferoj rilate la semajnfinan Vintrokursaron kaj poste Katja prezentis britan E-pioniron Harold Bolingbroke Mudie, kiu estis la unua prezidanto de UEA. Amike, *Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La 9-a Vintrokursaro de Adelajdo




La 9-a Vintrokursaro de Adelajdo okazis jam tradicie dum la semajnfino de la reĝina naskiĝtago. Ni havis por ĝi konvenajn kondiĉojn en la komunumejo Box factory, kie ni okazigas niajn klubajn kunvenojn. La grupon de sep komencantoj gvidis Sandor, la progresemuloj lernis kun Trevor. Entute 22 homoj ĝuis du tagojn de novaj scioj, amuzado, amikeco.



Gajaj ludantoj




Min Lin kun Sandor

Amike,

*Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Pasintaj Novaĵleteroj ĉe

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★